# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Oktobro n-ro 10/2008

## SUKCESA 3-A KONGRESO EN ŜTATO SAN-PAŬLO

Kun partopreno de 92 homoj el kvin brazilaj ŝtatoj, el 26 urboj, okazis en bonega etoso kaj densa programo la 3-a Kongreso de Esperanto en Ŝtato San-Paŭlo, inter la 10-a kaj 12-a de oktobro 2008, en la urbo Lorena. La temo de la kongreso estis: "Internacia Jaro de Lingvoj". Tri atentovekaj rubandoj informis pri la kongreso en oportunaj lokoj en la urbo, jam de dek tagoj antaŭ la malferma tago. Radio Cultura de Lorena kaj Radio Piratininga, en najbara urbo Guaratinguetá, po du fojoj intervjuis pri la evento kaj gazeto "Atos" raportis. Kulturdomo de Lorena vigle apogis per livero de la sidejo, noto en sia programa informilo, aparataro kaj oficistoj. Amaso da aŭtoritatuloj en la urbo ricevis skriban inviton kaj informojn. La Episkopa Domo senpage disponigis sufiĉe komfortan Komunan Loĝejon. La kongreson honore prezidis S-ro Milton Serra, pioniro de la movado en la urbo. Krom la organizantoj el Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, sub la estrado de Prof-o Genildo M. Coelho, vigle kunlaboris la lokaj samideanoj: Alexandre Prado, Genésio Marcondes, José P. Bezerra, Marli Correia, Sonia Ferreira, Delza Andrade, João Nascimento, Walter Brandes, Paulo S. Viana.

La malferman ceremonion ĉeestis S-ino Angela Short, reprezentanto de la Sekretario pri Kulturo, kiu salutis kaj donacis materialon pri la urbo al la organizantoj. Pri la temo de la kongreso festparoladis Prof-o José Passini, Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, post kantado de la himnoj kaj salutoj. La malfermo brile finiĝis per pianludado kaj deklamado de Prof-o Olavo R.L.Ferreira, filo de aktiva Esperantistino en Lorena, kiu forpasis antaŭ kelkaj jaroj. Elizabeth Viana legis la Esperantajn tradukojn de la poemoj. Dum la kongreso okazis la jenaj prelegoj: "Esprimoj por via sliparo" (Floriano Pessoa); "Kio estas fizioterapio: koncepto kaj historio" (Alexandre Prado); "Konkurintoj de Esperanto en la tempo-maŝino" (James Pitton); "Lecionoj de la unua generacio de Esperanto" (Marcos Slotovich); "Esperanto kaj etnaj lingvoj – kiel aldoni vortojn?" (Sylla Chaves); "Neŭrologiaj aspektoj de idealismo" (Floriano Pessoa Filho); "Influo de nacia kulturo kaj emocioj sur lernadon de fremdaj lingvoj" (Luiz G. Jardim); "Centjariĝo de la japana enmigrado" (Osmar Alves); "La ignorata Fundamento" (Geraldo Mattos); "Intelekta disvolviĝo de infanoj ĝis aĝo de tri jaroj laŭ Piaget" (Isis Pitton); "Homa Voĉo laŭ muzika vidpunkto" (Alfredo Aragon); "Bazaj principoj de ĝardenkulturo" (Francisco Wechsler); "Alfabetumado" (Sylla Chaves). Dum la dua tago, matene kaj posttagmeze, Jair Salles instruis per "Ekspresa Kurso". La lastan tagon de la kongreso oni okazigis viglan debaton kun partopreno de multaj ĉeestantoj pri la temo de la kongreso, sub kunordigo de la Prezidanto de EASP, Genildo M. Coelho. La vesperon de la meza kongresa tago, oni aŭskultis altnivelan violonan kaj gitaran ludadon kaj kantadon, fare de José Inácio, Ivan Guimarães kaj Pedro F. Silva.

Paralele al la oficiala programo, okazis rapidaj demonstroj de kalkulado per abako, fare de José Linck. Dum la kongreso funkciis Libroservo de EASP kaj de Eldonejo "Oportuno", kiu oni lanĉis du librojn: "Geedza Kanzono", (rakontoj) de Machado de Assis kaj "Breno kaj Lilika" (infanlibreto), responde traduko kaj originalaĵo de Paulo S. Viana.
Post la fermo oni vizitis la monumenton al Zamenhof en proksima placo, kaj tie oni fotis parton de la kongresanaro. Por la proksima kongreso en la Ŝtato San-Paŭlo, en 2009, sin proponis grupo el la urbo San-Karlo.

### 3º CONGRESSO PAULISTA DE ESPERANTO: SUCESSO!

Foram 92 participantes, de 5 estados brasileiros, de 26 cidades, que em Lorena, de 10 a 12 de outubro de 2008, realizaram o evento. O tema do congresso foi "O Ano Internacional das Línguas". A divulgação local foi ampla, com faixas em logradouros, entrevistas em jornal e rádios, notícia no informativo da Casa da Cultura de Lorena e correspondência a autoridades locais. A Casa Episcopal de Lorena cedeu gratuitamente instalaçõs para alojamento e a Casa da Cultura sediou o congresso, cedendo várias salas, material eletrônico e pessoal de apoio. O Presidente do Congresso foi o Prof. Milton Serra, de Lorena e todos os membros do Clube de Esperanto local colaboraram decisivamente para a realização.

Na cerimônia de abertura esteve presente a Diretora Angela Short, da Casa da Cultura, que saudou e presenteou autoridades esperantistas com livros sobre Lorena. O Prof. José Passini, Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, fez o discurso de abertura. Seguiu-se apresentação de poesia e piano pelo Prof. Olavo Rubens Leonel Ferreira, que homenageou a Esperantista Profª Antonieta Ferreira, sua mãe, falecida nesta cidade.

Durante o Congresso várias palestras foram proferidas, em alto nível: sobre Expressões Linguísticas, Fisioterapia, Outras Línguas que Concorreram com o Esperanto, História do Movimento Esperantista, Aspectos Neurológicos do Idealismo, Aspectos Culturais do Aprendizado de Línguas, Imigração Japonesa, Fundamento do Esperanto, Desenvolvimento Mental da Criança, Abordagem Musical da Voz Humana, Aspectos Científicos da Jardinagem, Alfabetização. Funcionaram também: curso expresso de Esperanto para iniciantes, treinamento de calculadora chinesa, livraria e hora de arte, com músicos de Guaratinguetá e Lorena. Ao final do Congresso, o Prof.

⟶

**BEL-Konferencoj**
**Poços de Caldas/MG**
22-23 de februaro 2009

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Oktobro n-ro 10/2008

## ESPERANTO EN LA UNIVERSITATO EN VASSOURAS/RJ

Universitato Severino Sombra, en la urbo Vassouras, ŝtato Rio-de Ĵaneiro, starigis ekspozicion omaĝe al la brazila plej granda verkisto Machado de Assis, okaze de la centjariĝo de lia forpaso. Inter la montrataj libroj troviĝas pluraj tradukoj en Esperanto: "La Alienisto", "Postmortaj Rememoroj de Brás Cubas", "Dom Casmurro", "La Divenistino kaj aliaj rakontoj", "Teatro". La ekspozicio funkcias inter la 22-a de septembro kaj la 31-a de oktobro 2008. En tiu sama universitato okazis postdiploma kurso pri Esperanto, por propedeŭtika stimulado al lernado de eksterlandaj lingvoj. Pri tiu temo okazis en aŭgusto 2008 prelego ĉe la Universitato. La kurso funkciis inter la 6-a de aŭgusto kaj la 24-a de septembro.

## GAZETO INFORMAS PRI ESPERANTO EN BARRA MANSA / RJ

La tre aktiva samideano Sílvio Márcio C. Bruno informas, ke la gazeto "Voz da Cidade" intervjuis lin kiel reprezentanton de la loka klubo "Nia Espero Esperanto-Grupo". La raporto celis informi pri nova klaso de baza kurso de Esperanto, kiu komenciĝis je la 8-a de septembro 2008. NEEG lastatempe okazigas ankaŭ regulajn kulturkunvenojn. esperanto.neeg@hotmail.com.

## GEESPERANTISTA BALO EN RIO

Paulo Kverko sendis al ni ĉi tiun kuriozan raporton: REVIVANTA BALO – 20/09/2008. Vi rememorigis mian junecon, dankon!! Tiel opiniis la plimulto el 186 ĉeestantoj . Esperanto Grupo Lazaro Luiz Zamenhof realigis revivantan balon. Dum la balo kiu okazis de la 18-a horo ĝis noktomezo, oni prezentis sur ekrano la historion de TV en Brazilo ekde ĝia inaŭguro en 1950, poste dancmuzikojn de la jaroj post 1950, 1960 kaj 1970. Oni elektis kvar stilojn por kontentigi ĉiujn. Oni dancis ĉiun stilon dum 25 minutoj kaj poste oni parolis pri Esperanto kaj prezentis Esperantan muzikon dum 5 minutoj. Post tri horoj okazis kantkonkurso, kiam 10 gekuraĝuloj sin prezentis. La tri unuaj venkistoj gajnis premiojn kaj la lasta ricevis la trofeon "ananaso". Nur unu estis malaprobita de la juĝantoj. Post la konkurso oni ripetis la dancmuzikojn kaj Esperanto-"gutojn". Entute oni dancis preskaŭ 4 horojn kaj aŭdis pri Esperanto 30 minutojn. Nia balo ankaŭ funkciis kiel ago-tago ĉar ni diskonigis informojn pri Esperanto (kursoj kaj aplikado). Je la fino ĉiuj (feliĉegaj) dankis al la organizantoj kaj petis alian balon. Kelkaj decidis eklerni Esperanton tuj.contato@lazaroluizzamenhof.com. br Str. Abílio dos Santos 137, Bento Ribeiro. CEP 21331-290, Rio-de-Ĵanejro.

Genildo Coelho dirigiu animado debate sobre o tema do evento.

Foram lançados dois livros: contos de Machado de Assis em Esperanto e um livro infantil originalmente escrito em Esperanto. A jornalista Mirna Duarte, locutora do programa "Parolu, Mondo!", da Rádio Boa Nova, entrevistou várias personalidades.

Ao final, os Congressistas visitaram o Monumento a Zamenhof, em praça próxima, onde todos posaram para fotos. O próximo Congresso Paulista de Esperanto acontecerá em São Carlos, em 2009.

## ESPERANTO NA UNIVERSIDADE, EM VASSOURAS / RJ

A Universidade Severino Sombra realiza exposição em homenagem a Machado de Assis, de 22/09 a 31/10/2008. Entre os livros, várias obras do grande escritor traduzidas para o Esperanto. De 06/08 a 24/09/2008, aconteceu na instituição curso de Esperanto com finalidades propedêuticas.

## JORNAL INFORMA SOBRE O ESPERANTO EM BARRA MANSA

Sílvio Bruno foi entrevistado pelo jornal "Voz da Cidade", anunciando curso de Esperanto e atividades culturais no "Nia Espero Esperanto-Grupo". esperanto.neeg@hotmail.com.

## BAILE ESPERANTISTA NO RIO

Paulo Carvalho envia curioso relato: "Baile Revivendo", em 20/09/2008, em que durante 6 horas Esperantistas e simpatizantes dançaram ao som de músicas dos anos 50, 60 e 70, após uma projeção sobre a história da TV no Brasil. Houve concurso de canto, com premiação. Houve também apresentação de música e "gotas" de Esperanto. O evento, além de festivo, funcionou como "dia de ação" pelo movimento. Muitos dos presentes expressaram intenção de estudar a Língua Internacional.

**ZAMENHOFA TAGO**
en decembro

**Vizitu la retejon de BEL**
www.esperanto.org.br